# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

15-a jaro (Numero 2) 1936.

Tutjara abono: 2.50 nederlandaj guldenoj (inkluzive aneco de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj).

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktoro: E. J. BOLTJES. Engelschelaan 30. Winschoten (Nederlando).
Administranto: P. KORTE. Schoolstraat 13. Veendam. (Nederl.) Poŝtĉekk.: 90544.
Prezidanto de TAGE: Dro Bj. BECKMAN, Karlskrona, Svedujo.
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).
W. H. MOOK. Nassauplein 15a. Groningen (Nederlando).




Nia nuna prezidanto: Dro Bj. BECKMAN.

## Alvoko al la francaj kaj anglaj gekolegoj.

En la Internacia Pedagogia Konferenco okazonta en Utrecht (14—20 Aprilo) oni intencas uzi esperanton kiel lingvon por la prelegoj kaj diskutoj, SE ESTAS INTERPRETISTOJ POR LA KVAR ALIAJ LINGVOJ.

Kolego Koot (Utrecht, W. v. Noortstr. 10) skribas: La afero okazos proksimume jene: Ĉiuj samlingvanoj sidos kune, ili povas vidi la parolanton, sed ne povas aŭdi lin. En ĉiu ĉambro estos du interpretistoj: A kaj B. A havas kaptelefonon kaj notas; post iom da tempo li transdonas la aparaton al B; nun B notos kaj A tradukas sian parton, k.t.p.

Por Esperanto ni do bezonos po du interpretistojn por ĉiu lingvo. Por la nederlanda kaj germana lingvo oni jam sukcesis trovi spertajn personojn. Necese nun estas du francaj kaj du anglaj.

Se iu el nia kolegaro sentas sin kapabla traduki, anoncu tuj al sro Koot (Adreso supre!)

Tamen: la konferenco-komitato ne povos rezervi monon por pagi eventualajn elspezojn por niaj interpretistoj!

Tamen ni esperas, ke estos certe kelkaj gekolegoj, kiuj partoprenos, kaj tiam volos helpi por la bono de Esperanto!

La afero DEVAS sukcesi!!!

---

# Internacia Pedagogia Konferenco

## 14—20 Aprilo 1936 en Utrecht (Nederlando)

La nederlanda sekcio de la New Education Fellowship organizas internacian pedagogian konferencon pri la temo: Lerni kunvivi.

La intenco de la organizantoj estas klopodi per tiu konferenco atentigi la gepatrojn kaj geinstruistojn pri la neceso lerni al la infanoj kunvivi kaj kunlabori. En la nuntempaj lernejoj ĉiu infano zorgas nur pri siaj propraj interesoj. Ĉu estas mirige ke ili poste, kiam plenkreskinte, kunportas la en ili kulturitan spiriton de konkuro? Ĉu ne regus tute alia sento, se oni en la lernejoj kaj en la familioj en la tuta mondo ekzercadus la arton de kunvivado, kooperado, kiel unu el plej gravaj faktoroj por la feliĉo de la homaro? Pri tiu temo la plej diversaj pedagogoj parolos. La prelegoj kaj diskutoj estos parolataj kaj tradukataj en la angla, franca, germana, ESPERANTA (?) aŭ nederlanda lingvoj. La tradukoj okazos samtempe per mikrofonoj.

Ni atentigas niajn anojn pri tiu grava konferenco, ne nur rilate la pedagogia temo, sed precipe pri la ebla uzado de esperanto.

Bonvolu pripensi vian kuneston, precipe la francaj kaj anglaj gekolegoj, kiuj estas petataj atente legi la alvokon apartan pri tradukistoj. Anoncu vin kiel partoprenonto ne nur ĉe la estraro de la konferenco (sekr. fino Adri van de Linde, Van der Helstlaan 14, Bilthoven (Ned.), ĉe kiu vi povas ricevi kompletan programon kun precizaj kostoj), sed ankaŭ al sro Koot, W. van Noortstr. 10, Utrecht (Ned.) kasisto de la ned. sekcio de T.A.G.E.

### Programo.

**Mardo** 14 IV. 4.— Teo en la „Maliebaan"-stacidomo.
4.30 Oficiala akcepto de la Urbestraro.
8.— Oficiala malfermo de la konferenco. Parolado de Inĝ. Kees Boeke (Laborejo Infansocio Bilthoven): La urĝeco de la problemo.

**Merkredo** 15 IV. 10.30 Prof. Pierre Bovet (Universitato Geneve). Kiel ni povos forpreni la barilojn, kiujn la batalinstinkto starigas kontraŭ la komuneca vivo?
12.30 Komuna lunĉo en „Diesel"-trajno.
3.45 Prof. J. H. Gunning (Nederlando): La lernado de kunvivo en la historio de edukado kaj instruado, precipe en la lastaj kvindek jaroj.
8.— Koncerto (speciale aranĝita okaze de la Konferenco) de la Utreĥta urba orkestro.

**Ĵaŭdo** 16 IV. 10.30 Prof. Charlotte Bühler (London--Wien): La infano en la familio.
12.30 Komuna lunĉo en „Diesel"-trajno.
2.30 Filmprezentado de dro Karl Wilker (Svisujo): Landerziehungsheim (Landeduka hejmo) Hof Oberkirch.
3.45 Fino Mary Butts (Internacia Edukoficejo, Geneve): Internacia kunlaboro en edukado kaj instruado. kaj Prof. Inĝ. J. Glück (Berlin): Esperanto kiel helpilo ĉe la lernado de kunvivo.
8.— Dro Karl Wilker: Edukado por nova socio.

**Vendredo** 17 IV. 10.30 Prof. J. Boeke (Universitato Utrecht): Biologia naturkoncepto kaj homa cocio.
proks. 12.30 Forveturo al Hago per „Diesel"-trajno. Tagmanĝo en la trajno. En Hago vizito al Pacpalaco; tie prelego de dr. J. ter Meulen (bibliotekisto de Pacpalaco): La kreskado de la arbitracia principo.
Vizito al „Dalton'a" mezlernejo sub gvidado de la direktoro, dr. W. F. de Groot.
proks. 6.— Forveturo el Hago. Manĝo en la „Diesel"-trajno.

**Sabato** 18 IV. 10.30 Lord Allen of Hurtwood (prezidanto Angla Societo de Novlernejoj): Aŭtoritateco — libereco — gvidanteco.
12.30 Komuna lunĉo en „Diesel"-trajno,
3.45 Fino A. Hamai de (Nova lernejo, Bruxelles): Praktikaj spertoj en Decroly-laboro.
8.— Dr. Maria Montessori: Vivado kaj laborado kun infanoj.

**Dimanĉo** 10.30 Parto de la konferencanoj: Ekskursoj al la Laborejo Infansocio Bilthoven.
12.— Lunĉo de tiu grupo,
12.— Ekskurso de tiu grupo al Maarten Maartenshuis (domo en kiu diverslandaj grupoj da infanoj kunvenas por kune pristudi diversajn temojn)
1.15 Foriro de la aliaj konferencanoj al Bilthoven. Komuna lunĉo.
8.— (En Utrecht) S. H. Wood (London): La forpreno de la bariloj inter la homoj.

**Lundo** Inĝ. Kees Boeke: Individua spirita vivo kiel kondiĉo por komuna vivado. Fermo de la ĝenerala parto.

Lunde okazos kunveno de geinstruistoj en progresaj lernejoj kaj la ĝenerala kunveno de la nederlanda sekcio de New. Education Fellowship.

Dum la konferenco estos ekspozicio, organizota de Nacia Muzeo por gepatroj kaj geinstruistoj (en Rotterdam), de gruplaboro, individua laboro kaj de lerniloj el diversaj landoj. Senpaga eniro por konferencanoj.

La kotizo de la konferenco estas laŭplaĉe de 2 ĝis 12 guldenoj.

Ekskursoj al Hago (kun teo, sen tagmanĝo) 2,75 guld.
al Bilthoven kaj Doorn 1.50 guld.
al Bilthoven (sen tagmanĝo) 0.30 guld.

Loĝado en hotelo po 4.00 ĝis 6.50 tage; en vegetara hotelo 4.00 guld. (laŭdezire en komunaj loĝĉambroj po 2.50 tage) en privataj loĝejoj 2.50 ĝis 4.00 guld.; en Fratec-domo (Bilthoven) 1.00 ĝis 1.50 por loĝado kun matenmanĝo; en Junulargastejo 0.60 por loĝado kun matenmanĝo kun unufojo 0.15 por dormsako. Oni povas kampi en propra tendo ĉe la Fratec-domo por 0.25 ĉiunokte; ankaŭ ĉe la Junulargastejo. Ĉiuj prezoj estas senlunĉe, ĉar lunĉon oni konsumos kune.

Lunĉoj en la Dieseltrajno po 0,50; la tagmanĝo en la Diesel-trajno al Hago 0.75 guld. Ĉiuj manĝoj estos vegetaraj.

Petu tuj la kompletan prospekton (ne forgesu aldoni respondkuponon) ĉe la sekretario de la Konferenco.

---

# TAGE kaj ĝia „neŭtraleco".

De tempo al tempo iu TAGE-ano skribas al ni ke li ne plu povas esti ano de nia asocio, ĉar . . . . . . ! Mi komprenas, ke ne ĉiuj, kiuj iam aliĝis, restos. Multaj el niaj nuntempaj esperantistoj ankoraŭ ne trovis sin mem; ili vagadas de ie al tie, interesiĝas pri io, perdas la intereson, scivolas pri io nova por baldaŭ ardi favore al alia. Ili varmigas sin ĉe siaj pajlofajroj kaj ĝojas infanece pri tiuj flagrantaj flamoj. Ĉiuj organizoj konas tiujn „nomadojn". kiuj gastas por kelka tempo. Kiam oni iom alkutimiĝas al ili kaj eĉ favore iom ŝanĝis sian domordon, tiam ili subite trovas pretekston pro kiu ili nepre devas foriri kaj plue nomadi. Post si ili nur lasas ioman ĥaoson kaj malagrablan rememoron.

Mi komprenas, ke nova esperantisto, kiu nun subite eniras la mondon, iom embarasiĝas kaj ne tuj trovos la ĝustan vojon. Povas esti ke li eraras; devas reiri laŭ siaj paŝoj kaj elekti alian direkton. Sed plejofte al li nur mankas iom da energio por daŭrigi ĝisfine. Plenkuraĝe li startas, fervore li laboras, sed nur ia obstino mankas. Li malaperas kaj ne povas kompreni ke „la mueliloj muelas malrapide".

Pri tiuj mi tamen nun ne plu parolos. Mi traktos pri kelkaj aliaj, kiuj opinias ke ili devas forlasi TAGE pro ĝia neŭtraleco, almenaŭ tiel ili argumentas sian eksiĝon. Mi ne povas prijuĝi ĉu krom tiu „neŭtraleco" ankoraŭ influas motivoj tiaj, kiajn mi supre aludis. Sed, almenaŭ pri du aŭ tri mi estas certa ke ili vere karakterizis sian malŝaton al TAGE per la vorto „neŭtraleco" kaj pri tiuj mi nun parolos.

Estas ĝuste kelkaj francaj kolegoj, kiuj malaliĝis al TAGE pro tiu kaŭzo. El aliaj landoj, Anglujo, Svedujo, Danujo, Nederlando, oni tre laŭde skribas al ni pri la redaktado de IPR, rilate al la neŭtraleco. Sed kelkaj francoj malaprobas. La kialo? Laŭ mi ĝi estas iom kaŭzata de la landa politika konstelacio. Mi opinias ke niaj francaj kolegoj ne sufiĉe internacie kaj objektive prijuĝas la aferojn. Ili sugestas ke TAGE nepre batalu kontraŭ faŝismo kaj adjektivas tiun ismon pleje per la vorto „germana". Kial ne „itala" aŭ . . . aŭ . . . . TAGE ne diferencigas inter ili, ankaŭ ne favore aŭ malfavore al la rusa bolŝevismo. Por TAGE nuntempe ekzistas nur unu ismo, nome Esperantismo en la senco de la deklaracio de Boulogne s.M. Kiel gvidprincipo de TAGE mi volas varii ĉi tiun deklaracion jene:

> **TAGE laboras por disvastigi inter la tutmonda geinstruistaro la uzadon de lingvo neŭtrale homa, kiu, ne entrudante sin en la internan vivon de la popoloj, donos al la gekolegoj de malsamaj nacioj la eblon kompreniĝadi inter si, kiu povus esti enkondukata kiel paciga lingvo en la lernejo tutmonda. Ĉiu alia ideo aŭ espero, kiu tiun aŭ**

> **alia Esp. kolego ligas kun la aneco de TAGE, estas lia afero pure privata, por kiu TAGE ne respondas, kaj por kiu ĝi provizore ne volas labori.**

Plurfoje ni jam pritraktis ĉi tiun aferon en IPR kaj laŭ ni sufiĉe vaste por klarigi, kion TAGE celas por la proksima estonto. Ĝia neŭtraleco ne estas negativa, sed absolute pozitiva, Verŝajne ni ne esprimis tion sufiĉe malkaŝe kaj tial ankoraŭ foje ni skribas ĉi tiujn liniojn.

Ni klarigis ĉi tie la gvidprincipojn de TAGE laŭ kiuj la nuna estraro opinias ke ĝi devas labori. Tiuj principoj ne estas identaj kun la personaj ideoj de ĉiuj estraranoj. Ĉiu havas siajn proprajn postulojn pri organizo por instruistoj-esperantistaj. Sed post zorga ekzamenado de la nuna situacio, la laborkomitato opinias ke por la instruista movado en Esperantujo ankoraŭ ne venis la tempo, elekti por si inter la diversaj ismoj. Ĝi havas la firman intencon kolekti ĉiujn gekolegojn kiuj samopinias kun ĝi. Sed por tiuj gekolegoj kiuj ne povos toleri ĉi tiun „neŭtralecon", mi volas aldoni ke, se kontraŭ nia atendo, baldaŭ montriĝus ke per ia alia vojo, la rolo de lingvo internacia por instruo kaj lernejo povas esti realigita pli bone, pli certe, pli rapide ol per la laboro de TAGE, tiam la laborkomitatanoj volonte abdikos kaj aliĝos al tiu nova vojo kaj kun ili esperedle ankaŭ ĉiuj aliaj TAGE-anoj.

Antaŭ mi kuŝas letero de k-o Lentaigne, Francujo, kiu jam dum jaroj estas ano de TAGE. Li skribas:

> „Kiam IPR estis redaktata en Germanujo, la revuo estis interesa kaj „reflektis" proksimume la ideojn de la FIAI (Internacia Federacio de Asocioj de Instruistoj) kaj oni povas diri ke, se ĝi ne estis revuo de esperantistoj-revoluciuloj, ĝi estis almenaŭ revuo de esperantistaj instruistoj progresemuloj. Kaj nun! . . . .
> Nia ĵurnalo ne devas esti ilo por propagandi la ideojn de la faŝismo. Kiel skribis k-o Pâris: „Oni ja estas ĉu por faŝismo, ĉu kontraŭ ĝi; por militokazigantoj aŭ kontraŭ ili. „Laŭ mia opinio, nia revuo nekaŝe devas tuj orienti laŭ progresema vojo."

Ĉu niaj personaj ideoj estas favore aŭ malfavore al tiu eldiro neniel gravas. En la intereso de Esperanto mem ni volas resti sendependa kaj ne submeti nin al iu ajn ismo. Ni volas nin turni al *ĉiuj* gekolegoj, ne atentante iliajn diferencojn laŭ politika aŭ religia vidpunktoj. Se ni farus tion, ni devus limigi nian propagandon nur inter la aprobantoj de iu speciala principo. Kompreneble, ni ne vidas Esp. kiel ilo por la subfosa laboro de la militokazigantoj. Sed kiel ĝuste kaj juste determini al kiu flanko tiuj „militokazigantoj" troviĝas?? Iu lando sin preparas por ataka milito; alia „nur" por defenda. Kiu pravas?? Kie la vero?? Ĉu por ni ne estos pli fruktedona neglekti ĉi tiun nebulan terenon kaj serĉi niajn kunbatalantojn en alia sfero? Tie, kie oni volas uzi Esp. kiel *paciga* ilo por la lernejanoj tutmondaj?

Inter la TAGE-anoj troviĝas certe komunistoj, socialistoj, katolikoj, judoj, sed nur tiuj kuij por la nuna momento povas flankenŝovi siajn personajn ambiciojn por la komuna celo: disvastigi la uzadon de la paciga Esp. inter instruistaro kaj lernejanoj tutmondaj.

Kun k-o Lentaigne ni samopinias ke revuo kaj asocio por la geinstruistaro estas nepre necesa. Certe. Sed ĉi tiuj devas esti uzeblaj de diversspecaj kolegoj kaj tiu diversspececo estas identa nuntempe kun diversnacieco. Se ni forlasos la diversspecan tendencon, ankaŭ la diversnacieco malaperos, kaj kun ĝi la ekzistorajto de nia asocio.

Ĉar nia revuo devas esti interesa, multflanka; kaj ĝi povas esti nur tia, kiam ĝi estas legata kaj prilaborata de anoj el plej diversaj nacioj. Ĝuste la diversnacieco estas por revuo, kia nia, urĝe necesa, ĉar la instruisto ŝatas sciiĝi pri lernejsistemoj, instruoproblemoj, vivkondiĉoj de kolegoj alilandaj, k.t.p. Li volas eniri mediojn, kiujn li ne povas atingi per sia gepatra lingvo. Ĵus mi ricevis leteron de rusa kolego, kiu petas pritrakton de kelkaj lernejaj demandoj pere de nia revuo, ĉar li volas kolekti opiniojn diverslandajn.

Se IPR nur servus al unu grupo, eĉ se tiu estus granda, ĝi ne plu povus esti ĝenerala, diversnacia, ĉar tiu grupo ne estos ĉie ŝatata aŭ eĉ nur tolerata. Kun verda stelo sur la kovrilo IPR povas ĝis nun eniri kien ĝi volas. Oni legas ĝin nun en plej diversaj landoj, sed kiam la stelo fariĝos nigra, ruĝa, blua, aŭ ia ajn alie ol verda, tiam oni malakceptos ĝin, ĉar neniu el tiuj koloroj estas ĝis nun sufiĉe internacia aŭ ĝenerala. Tia estas nur la verda.

IPR volas konatigi alies opinion, almenaŭ se ĝi ne estas ofenda aŭ sintruda. La leganto povos rekoni en ĉies opinion la bonon, kiu ja ĉie estas trovebla. Nur per la diverseco de la ideoj oni povos akiri objektivan juĝon.

IPR nur konstatas, ne altrudas.

Ĝi servu la interrilaton inter diverslandaj gekolegoj, por alproksimigi grandskale la uzadon de nia lingvo en instruistaj rondoj kaj la enkonduko en la lernojojn. *Se ĉiu lando, kvankam laŭ sia speciala maniero, helpus efektivigi tion, tiam la zamenhofa idealo triumfus per si mem, malgraŭ ĉiaj naciismoj.* Tiun ŝtupon ni volas atingi, ankaŭ per nia modesta laboro prepara, kaj mi opinias ke k-o Lentaigne havas la saman celon. Ke niaj vojoj ne paralelas, ne gravas. Tiam ili ja ie renkontos unu la alian. Ĉu mi povos esperi ke tiu renkontejo estos en TAGE?? Malgraŭ ĉio mi kuraĝas respondi: jes.

K-e.

---

# AELA - noj ATENTU!

La 6-an de februaro ni ekspedis al ĉiu aboninto por serio C. 1935. la volumon de Lejzerowicz: „El la Verda Biblio." Ĝi estas la kvara libro por 1935. dissendita. Aldone ni sendis la 3-an numeron de Lingvo Libro. En februaro sekvos kvar aliaj volumoj. Nericevintoj bonvolu reklamacii.

---



---

## LA LULILO SUR LA ONDOJ.

Per longaj digoj la nederlandanoj estras la riverojn. Sed kelkfoje la malicaj akvoamasoj ekribelis.

Antaŭ multaj, multaj jaroj la riveregoj trarompis la digojn kaj sin ĵetis sur la riĉa urbo Dordt.

Tiun nokton la malgranda Kornelis, aŭ Kees, kiel oni lin nomis familiare, dormis, kovrita tre varmige, en sia ligna lulilo. Ĝi estis bela kaj solida lulileto. Piet Vogel, la patro de Kees, kapabla kalfatristo, ĝin konstruis el fortika kverkligno kaj bone gudris ĝin.

Krome li ornamis ĝin per malgranda baldakeno, sur kiu, ĉiun vesperon, kuŝis por dormi la kato „Poes", la bona striita protekt-spirito, la favorata amiko de Kees. Mientje

Vogel, la panjo de Kees, trikis dikan kovrilon por la lulilo de sia infaneto kaj plenigis per plumoj matracon kaj kusenojn.

Do, tiel Kees dormis sub la protekto de Poes. Subite, la ondoj, venkintaj la digojn, furioze atakis la pacajn domojn de Dordt. Ili elradikigis la arbojn, renversis je kelkaj lokoj la rompiĝemajn murojn kaj la ŝipoj, kies ŝnuregoj ekrompiĝis, estis puŝataj kvazaŭ murrompiloj kontraŭ la belaj domoj de la ŝipposedantoj kaj komercistoj.

La malriĉan dometon de Piet Vogel la ondoj atakis jam tuj kaj ĝin detruis. Ondego forŝiris pordojn kaj fenestrojn, estingis la fajron, renversis panujon kaj tablon.

Kiam Piet kaj Mientje, suprenĵetitaj, puŝitaj, duone dronantaj, serĉis la belan lulileton, la akvo ĝin jam kunprenis kaj la du pasaĝerojn en ĝi.

Vere, la lulilo de la malgranda Kees estis bone konstruita boateto. Ĝi drivis, ĉiam turniĝante, puŝata antaŭen de unu fluego, malantaŭen de alia.

Sed la ondoj, furiozigitaj de la vento, dancis kvazaŭ sub la komando de la diablo kaj la lulilo de Kees ruliĝadis kaj tangadis kiel ŝipo en plena maro.

Nun Poes, la striita protektanĝelo, la dikfela amiko, montris ke la holandaj katoj estas bonaj maristoj, kiam ili volas kaj la ĉielo tion postulas. Ĝi stariĝis sur siaj piedoj, bone kaptante per la ungoj la baldakenon de la lulilo, kaj ĉiun fojon, kiam ondo klinis malsupren unu flankon de la boateto, la ŝipveturanta kato sin klinis al la alia flanko por restarigi la ekvilibron.

Komence Kees vekiĝis. En sia mizero li eligis kriojn, aŭditaj de neniu. Sed baldaŭ li pensis, ke oni lulis lin lerte kaj li denove ekdormis.

Feliĉe la vento blovis el la okcidento, do el la maro: la baldakeno estis kvazaŭ velo kaj la lulilo, kiu rezistis la fluon, vagadis sur la akvosurfaco, sed ne estis pelata maren.

Kiam tagiĝis, ne plu ekzistis riveroj. Ĝis la horizonto oni nur vidis maron, kovrita

de ŝiprestaĵoj. La enloĝantoj de Dordt, kiuj rifuĝis sur boatoj aŭ alkroĉigis al la tegmentoj de la domoj, vidis la katastrofon kaj vokis unu la alian.

Piet Vogel kaj lia edzino Mientje, sidante sur la supro de muelilo, senespere rigardis la akvoamason, kiu rabis ilian karan infaneton.

Subite, kriego de surprizo kaj ĝojo eliĝis el ilia brusto. Baldaŭ milo da aliaj krioj aŭdiĝis ĉie.

Drivante kiel iam la lulilo de Moseo, la boateto de la malgranda Kees ekvidiĝis inter la ondoj. Sur la baldakeno, kun rigidaj kruroj, kun kurba dorso, kun rekta vosto, kun lipharoj kiel dum batalo, Poes, la kato, sin klinis, dekstren, maldekstren, antaŭen aŭ malantaŭen. Ĝi direktis la ŝanceleblan ŝipeton, tiel bone kiel sperta piloto, neŭtrigis la efikon de la ruliĝado, malhelpis la puŝojn de la tangado.

Kaj dume Kornelis dormis sub la varma lana kovrilo kaj suĉis sian dikan fingron.

Certe vi kredos min, se mi diras ke la

du ŝipistoj estis bone akceptataj kaj ke oni ĝoje festis pro ili. Poes havis de nun en la rekonstruita Dordt agrablan vivon, plena de honoro. Pli bonan surteran vivon ĝi ne povis deziri. Aliaj katoj sendube ĵaluziĝis. Kees, la knabo, fariĝis kuraĝega maristo.

En la najbareco de Dordt estas digo, kiun oni ankoraŭ nun nomas infandigo. Tio pruvas, ke la historio estas vera.

Laŭ DUHAMEL.

---

## LA ŜOFORO KAJ LA USONANO.

Foje usonano alvenis en bela itala urbo.

„Unu tago sufiĉas", li pensis, „por rigardi la vidindaĵojn de la urbo". Li luis aŭtomobilon kaj diris al la ŝoforo: „Montru al mi la belajn konstruaĵojn: la muzeojn, palacojn, preĝejojn."

Antaŭ ĉiu bela konstruaĵo la ŝoforo haltigis la aŭtomobilon.

„Jen bela preĝejo el la dekkvara jarcento."

„Sufiĉe bela, sed diru, kiom da tempo oni bezonis por konstrui ĝin?"

„Dek jarojn." — „Dek jarojn? En mia lando oni konstruas tian preĝejon en malpli ol dek monatoj."

La ŝoforo veturis pluen.

„Jen palaco konstruita en la dekkvina jarcento."

„Kiom da tempo oni bezonis por la konstruado?"

„Ok monatojn, mi kredas." — „O," respondis la usonano, „en mia lando oni povas fari pli grandan en unu monato."

Momenton poste la ŝoforo veturis preter bela muzeo. „Haltu", ekkriis la amerikano, „diru do al mi, kio estas tiu konstruaĵo?"

„Sinjoro, mi bedaŭras, ke mi ne povas diri tion. Hieraŭ la konstruaĵo ne jam ekzistis."

---

## MALPERMESITAJ VORTOJ.

La malgranda Karlo forbalais la neĝon de la vojoj en la ĝardeno de la najbaro.

Li laboris longan tempon kaj atendis por sia laboro almenaŭ dudek kvin cendojn.

Sed kiam la laboro estis farita, la najbaro donis al li nur dekcendan moneron. Karlo rigardis la ricevitan moneron, sed diris nenion.

La najbaro, kiu tre ŝatis, ke infanoj montras, ke ili estas bonedukitaj, demandis al Karlo :

— Nu, Karlo, kion devas diri knabo, kiu ricevas dek cendojn por sia laboro ?

— La patro malpermesis al mi uzi tiajn vortojn, — Karlo respondas.

*(El : La lernanto).*

---

## RELATIVECO.

— Panjo, por kiu vi bakas ci tiun grandan kukon ?

— Por vi, mia fileto.

— Kaj kial ĝi estas tiel malgranda ?



La ĉi supra bildo montras la ĝisnuna laborkomitato de T.A.G.E. De maldekstre: k-o W. H. Mook sekretario; k-o K. H. Sportel, 2a sekretario; k-o. P. Korte, administranto de I.P.R kaj kasisto de T.A.G.E; k-o. E. J. Boltjes, redaktoro de I.P.R.

# De la laborkomitato.

Je nia bedaŭro, k-o. Mook ne plu povas resti sekretario de T.A.G.E. ĉar li bezonas ĉiun liberan horon por sia studado. Li intencas doktoriĝi en la biologia scienco, kaj tio postulas kelkjaran streĉan laboron. Ni, liaj samkomitatanoj, deziras al li ĉian sukceson kaj dankas lin ĉi tie publike por la dediĉa kunhelpo en la laboro por T.A.G.E. Feliĉe, k-o. Mook ne tute rompos siajn rilatojn kun ni; li restos ĝenerala komitatano, sen speciala tasko.

K-o. Sportel funkcios kiel sekretario. Ni petas sendi ĉion rilate al la sekretariado al lia adreso, kaj de nun *nenion* plu al Mook.

# Universala Kongreso en Wien.

Rilate al la Universala Kongreso en Wien ni sciigas, ke T.A.G.E., interkonsente kun Aŭstria Esp. Instruista Unuiĝo, intencas aranĝi tie fakkunsidon. En nia tria numero ni plu informos vin pri la rezultatoj.

# Sciigo al korespondemuloj.

Ĉar niaj anoj tre ŝatas interkorespondi, kaj ĉar la listoj de la korespond-oficejo en Berlina ne regule aperas, ni decidis krom tiuj listoj ankaŭ aperigi en nia revuo la adresojn de gekolegoj kaj iliaj gelernantoj, kiuj volas korespondi. Bonvolu anonci viajn adresojn al la redaktoro kaj aldonu vian profesion, aĝon kaj specialajn dezirojn. Skribu legeble! (maŝinskribe aŭ preslitere).

# T.A.G.E. Kunvenoj.

1. T.A.G.E. preparas fakkunsidon dum la Viena Universala kongreso.

Ĉu estas inter niaj anoj, kiŭj vojaĝos tien, iu, kiu volas prelegi pri iu instrua aŭ pedagogia temo. Ni urĝe petas turnu vin jam nun kun provizora anonco al nia sekretaria, k-o Sportel.

2. Krome la laborkomitato priparolis en sia lasta kunveno, partoprenon al la instruistaj feria-kursoj en Danujo, pri kiu, aliloke, nia gazeto vin informas, Ni instigas niajn anojn, kiuj ne volas, aŭ povas viziti Univ kongreson, iri tien.

Ni petas komunikon al nia sekretario, pri via intenco, por ke ni povu ion aranĝi.

---

# Bulgarujo.

## Esperanto kaj la instruistaro en Bulgarujo.

Preskaŭ tuj post la publika apero de „Lingvo Internacia de D-ro Esperanto" ĝi venis en Bulgarujo danke al la proksimeco de nia lando apud la eksreĝa Ruslando, precipe, danke al la viglaj politikaj, ekonomiaj kaj kulturaj interrilatoj inter tiamaj rusoj kaj bulgaroj. Estas nemalmultaj bulgaraj esperantistoj kiuj persone interkorespondis kun D-ro Esperanto, eĉ, kiuj persone konis lin. Jam Unuan Esperantistan kongreson en Boulogne-sur-Mer (1905) partoprenis bulgaraj esperantistoj, parolintaj tiel bone kaj flue Esperanton kiel sian gepatran lingvon. Inter niaj tiamaj esperantistoj estis ankaŭ instruistoj. Hodiaŭ ankaŭ ĉe ni estas nemalmultaj instruistoj-esperantistoj.

La lingvo kaj la movado precipe forte disvastiĝis inter nia instruistaro kaj lernantaro dum la epoko 1920 — 1925. Tiam Esperanto estis permesata kej eĉ rekomendata kiel fakultativa instrufako en niaj mezlernejoj kaj gimnazioj.

Pli poste Esperanto estis malpermesata al ĉiuj gelernantoj pro suspekto, ke ĝin lernas kaj uzas nur komunistoj ! . . . Pro timo la instruistaro kaj lernantaro malaltigis sian intereson kaj favoron al la lingvo kaj al la movado. Feliĉe, post tri aŭ kvar jaroj nova ministro nuligis la malpermesan dekreton, sed jam kompromita movado ĉe ni ĝis hodiaŭ ankoraŭ ne povas gajni sian plifruan fidon inter la instruistaro kaj lernantaro. Nia hodiaŭa nacia-militista registaro rigardas iom malfide kaj suspektas preskaŭ ĉiujn esperantistojn, precipe, se ili estas geinstruistoj.

La sama registaro nuligis ĉiajn ĝisnunajn, memstarajn profesiajn geinstruistajn societojn kaj asociojn kaj anstataŭigis ilin per unu sola deviga „regna" geinstruista asocio. La estraro de ĉi tiu nova asocio ankaŭ malfide rigadas Esperanton kaj la movadon. Antaŭ kelkaj monatoj mi kuraĝis sciigi la menciitan estraron, ke mi estas reprezentanto de „T.A.G.E." kaj deziras organizi la bulgarajn geinstruistojn esperantistojn en aparta grupo, porke mi kontaktigu ilin kun alilandaj gekolegoj. Tiucele mi skribe petis la redaktoron de la oficiala organo de ĉi tiu regna geinstruista asocio, ke li presigu mian anonceton, per kiu mi petis ĉiujn bulgarajn geinstruistojn-esperantistojn havigi al mi aliajn adresojn. Ĝis hodiaŭ la estraro kaj la redaktoro silentas, kaj tiel malhelpas mian intencon.

Dua ekzemplo : Mi sukcesis organizi bonegan Esperantomovadon inter gelernantoj en Tirnovo, kie mi estis instruisto ĝis ĉi tiu aŭtuno. Nekonataj malamikoj de la movado kaj eble de mi mem provis ne nur foje kompromiti la movadon kaj mi mem per kalumnioj antaŭ la urba policestro kaj eĉ antaŭ la urba regimentestro ! Danke al mia bonega reputacio en Tirnovo kiel homo kaj gimnazia instruisto la malamikoj malsukcesis,

Do, estas fakto, ke ĉe ni Esperanto estas kompromita kiel komunista movado,

sed feliĉe, nur inter la malkleraj homoj. Organizita instruista esperantista movado ĝis nun ne ekzistas, ĉefe pro supre menciita kaŭzo. Tamen, malgraŭ ĉi tiuj malhelpaĵoj, iom post iom, la movado kaj precipe, la lingvo mem, gajnas bonajn amikojn inter instruistaj kaj lernantaj rondoj, kiuj uzas ĝin por ĝiaj altnoblaj celoj.

Iv. VALĈANOV — Sofio.

---

# Jugoslavujo.

**Nekrologio:**

Ni perdis anon. Antaŭ kelkaj monatoj subite mortis s-ro Jovan Jovanoviĉ, pensiita vicdirektoro de la instruista seminario en Beogrado. Antaŭ duonjaro ankoraŭ li invitis al konferenco, kiu okazu dum Kristnasko en Beogrado, Li estis fervora esperantisto kaj aliĝis al T.A.G.E. spite al lia alta aĝo.

Nian kondolencon!

---

# Danujo.

## Nova sukceso en Danlando.

Post multaj kaj longaj klopodoj Dana Esperanto Instituto fine sukcesis translokigi siajn *Internaciajn Feriajn Kursojn Esperantajn* al la Internacia Altlernejo en Helsingor *(Elsinoro)*, loko konata el „Hamleto". Tiu altlernejo estas unika en sia speco, ĉar ĝi estas vere internacia, instruante per ĉiuj modernaj lingvoj pri ĉiu ajn kultura afero. Ĝis nun Esperanto ne estis aplikata tie.

Ĝis nun niaj Internaciaj Feriaj Kursoj en Esperanto okazis en Silkeborg, sed pro grava manko de loko (pro la daŭra kreskado de la partoprenantaro) la sukceso ĉe la Internacia Altlernejo estis tre favora okazo.

La Internaciaj Esperantaj Kursoj okazos en la venonta somero: **I'a kurso** por geinstruistoj-komencantoj laŭ Cseh-metodo de 19-7 — 25-7, sub gvidado de la eminenta Cseh-pedagogo F-ino M. Saxl. Tuta prezo por loĝo, manĝo kaj kurskotizo nur 35,— Kr. aŭ 11,— fl. La malaltan prezon kaŭzas la malmulta valoro de la dana krono.

**II'a kurso**: Por progresintoj, de 26-7 — 5-8.

**III'a kurso**: Prepara kurso por Cseh-metodaj geinstruistoj, ankaŭ de 26-7 — 5-8.

La II'an kaj III'an kursojn gvidos F-ino Saxl, s-ro de Waard kaj aliaj diverslandaj eminentuloj. Prezo por II'a aŭ III'a kurso por loĝo, manĝo kaj kurskotizo nur 50,— Kr. aŭ 16,— fl.

La kursojn aranĝas kaj garantias Dana Esperanto Instituto.

Detalaj informoj aperos poste.

L. FRIIS.
Sekretario de Dana Esperanto-Instituto.
Thyrasvej 15,
*Aabyhöj*. Danlando.

## Danlando la paradizo en la nordo.

Esperantistoj tutmondaj helpu nin konvinki la danan gazetaron kaj okupi la danan radion!!

Kion vi, kara leganto, scias pri la dana lando? Certe nur, ke la lando kuŝas en la nordo kaj ke ĝi eksportas buteron tre bonkvalitan. Vi certe ne scias, ke la lando estas belega turistlando en ĉiuj sezonoj de la jaro, ke marbanejoj abundas, ke la dana popolo verkis literaturon altkvalitan, ke la danoj vivas kiel en ŝlarafo-lando (fabela lando, kiun oni nur atingas tramanĝinte sin tra montego de rizokaĉo kaj en

kiu rostitaj porkoj kun manĝilaro en la dorso promenas sur la stratoj pretaj esti manĝataj de la feliĉaj homoj). Veninte en danan domon la unua demando de la mastrino al vi estas: „Kara gasto, ĉu vi jam manĝis?" Bona kafo kaj bonegaj kukoj estas ĉiutagaĵoj kompreneblaj en la dana hejmo. La danoj vivas en „Manĝukuko". En multaj landoj la zorgo ĉiutaga estas manĝi sufiĉe, en Danlando estas rekomendinda (ege) zorgi pri la malo. Danlando estas vera paradizo. La danaj Esperantistoj volas volonte al vi malfermi sian belan landon per radioparoladoj, sed ili bezonas vian helpon.

La cirkonstancoj al Esperanto nun estas tre fervoraj en Danlando.

La propagando en la lastaj jaroj estis tiom efika, ke hodiaŭ ĉiu minimume scias kio Esperanto estas. Tamen, la Danoj estas tre realpensantaj. Ofte ili argumentas, ke ili lernos Esperanton kiam ĝi estos uzata en la dana radio. Multaj rondoj volus okupiĝi pri Esperanto, ili nur timas, ke Esperanto ankoraŭ ne estas vaste uzata en la mondo. Tiun dubon ni nur povos forigi per granda helpo de ekstere kaj per la subteno de la grandaj gazetoj. Ĝis nun la grandaj gazetoj absolute silentis. Ni povas kapti la gazetaron kaj la radion samtempe, se vi, karaj Esperantistoj en la tuta mondo, fakte komprenas mian alvokon kaj skribos multnombre.

Lumbildserioj pri Danlando por Ĉe-instruistoj.

La turistunuiĝo en Kopenhago tre ŝatas la helpon de la Esperantistoj kaj eldonis jam kelkafoje prospektojn en Esperanto. Vere granda sukceso estas la disponigo de kvar belegaj lumbildserioj kun Esperanto-tekstoj por paroladoj pri Danlando. La serioj unuavice estas por Ĉe-instruistoj. kiuj laboris en Danlando kaj en siaj novaj laborlandoj ŝatas paroli pri Danlando. Ĉe-intruistoj aŭ aliaj Esp.-parolantoj, kiuj ŝatas havi la lumbildojn aŭ la belegajn prospektojn, estas petataj skribi al „Turistforeningen for Danmark", Kopenhago.

Kiel ni povas interesigi la gazetaron kaj la radion?

Ni rigardu nian Esperanto-historion! Estis antaŭ unu jaro kiam niaj amikoj en Italio sukcesis okupi la radion. En la pasinta printempo la italaj Esperantistoj, organizintoj de la pasintjara kongreso, per lerta ŝaktiro enigis Esperanton en la italan radion. Kiel ili faris tion!? Ili skribis en la Esp.-gazetoj: se la Esperantistoj tutmondaj grandnombre skribos al la itala radio, ni eble sukcesos aranĝi Esp.-dissendojn. — La Esperantistoj komprenis sian devon kaj skribis amase. Jam kelkajn semajnojn poste ni ĝuis la unuajn komunikaĵojn pri la kongreso. La kongreso estis grandioza propagando-sukceso kaj nun la regulaj dissendoj de la italaj stacioj pliriĉigas la konstantan radioprogramon.

En Danlando en la lastaj jaroj Esperanto disvastiĝis mirinde. Tamen la tuta afero estas portata nur de tre modesta privata laboro de kelkaj agemuloj. Mondfamaj estas la ĉiusomeraj Esperantokursoj en Silkeborg. Ankaŭ en la venonta jaro okazos grandaj kursoj en Silkeborg, Kornmodskole. Sed, se ni fakte volos labori grandskale, ni devos unue atingi la radion. Antaŭ kelkaj jaroj oni ekuzis nian lingvon en la bonega stacio Kalundborg, sed poste oni ĉesigis la dissendojn. Nun estas nia tasko denove maturigi tiun gravan nordan stacion. Sukceson ni nur havos, se ĈIUJ Esperantistoj leginte aŭ aŭdinte pri niaj klopodoj tuj skribos aŭ leteron aŭ poŝtkarton al la plej granda gazeto dana, al la gazeto „Politiken", Kopenhago, La skribkapablaj mondlingvanoj estas petataj skribi mallongajn artikolojn al la gazeto en Esperanto. Ĉiuj sendu ankaŭ la prospektojn ktp., kiuj aperis en la diversaj regionoj de la mondo. La Esp.-redaktoroj nepre sendu unu numeron de sia gazeto, se eble kun tiu ĉi artikolo. La artikolo ja montras, ke ni uzas Esperanton por fari propagandon por la diversaj landoj kaj por la turismo.

La „Politiken", Kopenhago (adreso sufiĉa) aperadas regule kaj ĉiutage en la eldonnombrega de 144000 ekzempleroj. Mi petas ĉiujn seriozajn kaj propagandemajn Esperantistojn tuj skribi al tiu gazeto. Se tiu gazeto subtenos nin, ni havos facilan laboron en la tuta lando. La cirkonstancoj fakte estas tre fervoraj al nia afero, mankas nur la granda atako de ekstere. Antaŭ kelka tempo klarvidanta samlingvano skribis en „Heroldo": „Ni ne disigu niajn fortojn malsaĝe, sed ni komune prilaboru unu landon post la alia! Ni komencu eble en Danlando! La lando ne estas tro granda kaj ni povas facile tiri la tutan landon kvazaŭ en Esperanto-febron!" Nu, bonvolu, nun

estas eblo montri ĉu ni fakte sen multaj vortoj kapablas fari grandan laboron.

Skribu, ke vi deziras aŭdi per la radio en Esperanto pri la dana kulturo, pri la dana literaturo, pri la agrikulturo, psi Danlando kiel turistlando kaj kaj kaj - - - -. Antaŭ kelkaj semajnoj mi skribis en „Praktiko" kaj „Heroldo" pri dana fraŭlino, kiu lernis Esperanton en tri tagoj. Preskaŭ loo samlingvanoj skribis al la fraŭlino. Multegan dakon pro la valora helpo. Nun ne sufiĉas loo letoroj, nun devos alvenadi minimume 2000 skribaĵoj. Bonvolu skribi amase! Kaj baldaŭ Esperanto-prelegoj en la dana radio, en la radio de la „Paradizo De La Nordo", feliĉigos vin.

Skribu al la gazeto -Politiken-, Kopenhago, DANLANDO.

A. WEIDE,
Ĉe-instruisto,
Hurup. Danlando.

# Libera Tribuno.

## Respondo al s-ro Paris.

Potsdam, 3—2—'36.

Estimata kolego,

Vi eksiĝis el T.A.G.E.. ĉar laŭ via opinio ĝi ne estas sufiĉe „neŭtrala" movado. Mi konsentas al vi rilate al la postulo, ke T.A.G.E. estu kaj restu neŭtrala asocio. Sed ni havas la devon — ni ja estas instruistoj — pritrakti ĉiujn formojn de lernejoj; la kondiĉo kompreneble estas, ke la verkanto de artikolo aŭ raporto skribas tute objektive, nek laŭdante nek mallaŭdante, kaj neniam ofendante.

Kion vi en via letero diras pri Germanlando, certe estas eraro. Mia hejmlando ne estas faŝista ŝtato; ĝi estas nacia-socialista ŝtato. Nur per unu el multaj ekzemplaj mi volas pruvi mian aserton: Mia gvidanto, la regna kanceliero, elektita de 90% de la germana popolo, havas jenan principon: „Ĉiu popolo havas vivorajton." Laŭ tiu principo nek la gvidanto, nek la germana popolo atakos iun alian popolon por subigi ĝin.

Se multaj gekolegaj en Germanlando eksiĝis el T.A.G.E, la kaŭzoj estas diversaj. Eble kelkiuj havas malbonan konsciencon, eble aliaj estas senkuraĝaj. Neniu devigis ilin eksiĝi. En Potsdam ni en 1933 estis 8 gekolegaj, kaj nun ni estas 7 membraj de T.A.G.E. Neniu malhelpas aŭ ĝenas nin pro nia laboro.

Mi eble ankaŭ povus havi kaŭzon por eksiĝi pro la lastaj frazoj en la raporto, de G. Lapierre. Sed mi ne eksiĝos, ĉar mi legante la artikolojn de I.P.R. konservas mian propran opinion. Mi nur postulas, ke neniu ofendu mian patrujon kaj mian personon.

Kun kolega saluto.

E. MARKAU.

# Enketo pri la Esperanto-instruado al infanoj.

Estas tre grave por la divastigo de Esperanto, ke la *infanoj* jam lernas tiun ĉi lingvon en la elementa lernejo aŭ en speciala infankurso.

Sed plej grave estas, ke la resultatoj estos *bonaj* kaj ke tiuj rezultatoj fariĝos *konservataj.*

Kaj por atingi tion ni serĉas la plej bonajn metodojn.

Nun vi ĉiuj povas nin helpi trovi tiun metodon. Sciigu al ni viajn spertojn en Esperanto infankursoj.

Mi jam akiris kelkajn informojn, sed estas ankoraŭ tro malmultaj por jam fari konkludon el ili.

Ekz. *Iu* plendas pri la malbonaj rezultatoj, kiujn li akiris ĉe la Cseh-metodo.

Do kolegoj, ĉu vi bonvolus respondi je la sekvantaj demandoj?

1. Kiom da infanoj ĉeestis en la kurso?
2. De kiuj aĝoj?

3. Kiom da partoprenantoj el ambaŭ seksoj?
4. Ĉu ili restis ĝis la fino? Se ne.... kial ne?
5. Kiom da semajnoj daŭris la kurso?
6. Kiom da lecionoj semajne? Lecionoj de 1, 1½ aŭ 2 horoj?
7. Ĉu la kurso estis laŭ Cseh-metodo aŭ gramatika (Kuin lernolibron oni uzis) aŭ parte?
8. Kiel estis la resultatoj?
9. Kiu aĝo montris sin la plej bona por instrui Esperanton?
10. Kiom el la infanoj ankoraŭ restis esperantistoj?
11. Kion oni faris ĉe vi post la kurso por konservi la intereson por la lingvo kaj pliperfekigi ĝin ĉe la junaj lernantoj?
12. Ĉu la lernantoj abonis poste individue aŭ kolektive ian gazeton? Se jes: kiun?
13. Kiom da infanoj korespondis kaj korespondas kun eksterlandanoj?
14. Korespondis ili ankaŭ kolektive sub kontrolo?

Kun antaŭdanko por via komplezo

M. VAN MULLEM,
Ophemert, Nederlando.

P. S. La rezultatojn de tiu ĉi enketo, kiam ili estas interesaj kaj gravaj, ni publikigas siatempe en I. P. R.

---

# Kampadi en Nederlando.

Estimataj samideanoj ĉiulandaj, mi komunikas la vi, ke la Nederlanda Esperanto Asocio: „La Estonto estas Nia" intencas okazigi tendaron en unu el la plej belaj partoj de nia lando, nome en la provinco Utreĥto sur la kampejo de la Nederlanda Protestanta Ligo, Ryksstraatweg 91, SOESTERBERG.

La kampado daŭros de la 21a de Julio - la 28a, do sep longajn tagojn vi povos ĝui la belan naturon, migri tra pin-arbaroj kaj erikejoj. Sep longajn tagojn vi povos esti libera, kiel birdo en la aero. Sep longajn tagojn vi povos babili kaj konversacii kun samideanoj, kaj samtempe fari ekskursojn, rigardi naciajn kostumojn en malnovaj vilaĝetoj, viziti la flughavenon militistan, la natur-banejojn en Bilthoven kaj Soestdijk, la belegajn lagojn de Loosdrecht k.t.p.

Ho, estos rave.

Kaj la kostoj, vi demandas? Jen nur po 20 guldenoj (40 sv; fr) por ĉiu persono ĉe ĝis 50 partoprenontoj
18,75 guld: (37,50 sv. fr.) por ĉiu pers.: ĉe 50 - 100 partoprenontoj kaj
po 17,50 guld. (35. sv: fr,) „ „ „ ĉe pli ol 100 „

Tamen oni povas ankaŭ partopreni dum malpli ol 7 tagoj, pagante tiam proporcian sumon.

Aliĝu jam nun pagante 10 guldenojn (20 sv. fr.) en poŝtĉekkonton no 22075 de la tendargvidonto F, Weeke, Meezenlaan 41, Den Haag, kiu ankaŭ volonte donos pliajn informojn,

---

Sciigo de la redaktoro:

Diversaj artikoloj, jam kompostitaj, ne povas aperi en ĉi tiu numero pro lokomanko. Gekolegoj, varbu novajn anojn, por ke ni povu pligrandigi nian revuon.



Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.